21a Jaro - No 11 (225) Jara Kotiz-Abono Fr. 30,— Novembre 1935

# BELGA ESPERANTISTO

Fondita en 1908a

DIREKTORO
Maur. JAUMOTTE
44, Avenuo De Bruyn
Wilrijck-Antverpeno
(Tel. 777,58)

Oficiala Organo de Reĝa Belga Ligo Esperantista

Poŝtĉeko: No 1337.67 (Wilrijck) Por anoncoj: H. PÉTIAU, Gento

Babilado

## Por pli intima Kunlaborado

Mi ne diros, ke mi ricevis amason da leteroj, post nia lasta numero. Vi ne kredus min. Vi tamen kredos min, se mi diras, ke mi diversajn ricevis, kaj ke iuj estis tre, tro afablaj.

Se iuj legantoj volis diri al mi sian kontentiĝon, ne nur pri la regula aperigo de la kajeretoj, sed ankaŭ pri ilia ĝenerala enhavo, mi tamen ne povas diri, ke mi estas same kontenta.

En la lasta numero, mi efektive devis tro ĉerpi en mia propra rezervo. Kaj vi kredos min, Kara Leganto, se mi diras, ke tion mi ne faris por mia propra glorigo.

Profesie ĵurnalisto, mi tre klare konscias, ke la titolo de direktoro de Esperanto-organo, — eĉ tiu de « Belga Esperantisto » —, estas iom vana, ĉar la funkcio vere nur estas tiu de kuirist...ino, kies tasko estas kunmeti tian miksaĵon, ke la saŭco fine plaĉu al kiom eble plej multaj samideanoj. Mi ankaŭ konscias, ke, tiel longtempe, ke nia organo estos kaj restos la fakta kreitaĵo de unu aŭ du amikoj, ĝi vere ne estos la organo de la tuta Belga Esperantistaro.

Mi do diras malkaŝe al vi, ke mi ne estas kontenta pri nia organo. Mi devus, je ĉiu momento, posedi rezervon de bonaj, mallongaj prozaĵoj, kies aŭtoroj aŭ tradukintoj ne koleros, se io ensendita kuŝas dum du, tri monatoj en la kartonoj.

Mi diras mallongajn tekstojn, ĉar la enhavpovo de nia organo estas nur tre limigita. Iujn monatojn, kiam estas kelkaj oficialaj raportoj, mi tute ne bezonas literaturaĵon. Sed en aliaj momentoj, kiam ne estas io urĝa, mi ĝin des pli multe bezonos.

Mi demandas do, ke, en la grupoj mem, la gvidantoj sin okupu pri la kunigo de tiaj malgrandaj tekstoj ,eble per la aranĝo de iu malgranda konkurso aŭ eĉ de traduka vespero.

Kaj dum mi tamen babilas kun niaj legantoj, kun niaj membroj, kun niaj propagandistoj, mi volas anonci al ili, ke la gazetara servo, de nun, ne plu konsistos nur en la kunmeto de la revuo, sed ke la Ligestraro decidis tute restarigi kaj renovigi la servon de la gazetara propagando.

Nun jam estas forsendpreta unua komuniko pri niaj kongresoj, sed poste, almenaŭ dufoje en la monato, kaj, se eble, ĉiusemajne foriros alia, pri iu okazintaĵo en la Esperanto-movado.

Ĉar la Direktoro de la Revuo, ne povas ĉion legi kaj ĉion scii, mi petas ke la grupestraroj, la individuaj membroj, kiuj iamaniere estos informataj pri kiu ajn tia fakto, tion sciigu tuj.

Ankaŭ en tiu ĉi fako, la ensendintoj ne koleru, se iu novaĵo ne aperas en la nacilingva gazetaro. Povas esti, ke la Gazetara Servo ĝin iale ne forsendis ; povas ankaŭ esti, ke la Redakcio de via ĵurnalo, pro alia kaŭzo, ĝin ne enpresis.

Kaj fine, ĉar ni tamen demandas, ni petos niajn legantojn, ke ili ankaŭ sendu al ni eltranĉaĵojn el la nacilingva gazetaro, kiuj rilatas al Esperanto.

Se ĉiuj, Karaj Legantoj, vi volas pripensi la kelkajn demandojn de ni faritajn, mi estas certa, ke baldaŭ pli intima kunlaborado ekestos inter ne nur la direkcio de la organo, sed inter la tuta gvidantaro de Belga Ligo Esperantisto kaj la membraro, kaj ke vi mem kontentiĝos tute pri la rezultoj.

La Ligestraro efektive, same kiel Direktoro de organo, nur povas iom blinde labori. Ĝi ne kapablas trovi mem ĉiujn laborkapablecojn. Vi ĉiuj vidu ĉirkaŭ vi ; vi rigardu ĉu ne estas iu medio, en kiu vi povus inviti la Ligestraron labori.

Ĉiuj Ligestraranoj, ĉiuj Komitatanoj estas pretaj fari la laboron. Sed vi helpu prepari la terenon kaj vi informu la gvidantojn pri viaj spertoj.

Nur se ni, sur la loka kaj nacia kampo, plej harmonie kunlaboras, ni kreos la eblecon por la naciaj organizaĵoj ankaŭ internacie kunlabori kaj almiliti pli gravajn instituciojn kaj krei en ili al Esperanto pli favoran atmosferon.

Nur tiam ni kapablos vere antaŭenpuŝi la movadon sur tiujn vojojn, kiujn la individuaj klopodoj, kiel indaj ili ankaŭ estu, neniam povos suriri.

« Babilado » estas la unua titolo de tiu ĉi artikolo. Mi hezitas... ĉu ne pli bone « Prediko » ?

Ne, Kara Leganto, ĉar vi ne volos, ke nur estu « Prediko ». Vi nepre volos helpi por ke iĝu « Babilado ». Tial vi respondos al mia alvoko.

Vi mem vekiĝos al pli arda laboro. Vi kunhelpos per sugestoj ne mondrenversontaj, sed praktikaj... malgrandaj sugestoj, sed tuj efektivigeblaj. Kaj multobligo alkondukos nian karan movadon, ne jam al la fino de niaj penoj, sed tamen jam al venketo... al venko.

Mi jam antaŭe dankas. Maur. JAUMOTTE.

# REĜA BELGA LIGO ESPERANTISTA

## XXV-a Belga Esperanto-Kongreso

**La Louvière 30-31 Majo-1 Junio 1936.**

*4-a INFORMBULTENO.*

*Kreo de Atmosfero.* — La grupo vigle kunlaboras kun la L.K.K. por krei en La Louvière favoran atmosferon. La simpatia sekretario de la Grupo, S-ro Marcel Parfondry, instruisto, prelegis antaŭ proksimume 300 personoj. S-ano Parfondry, inter-alie, pritraktis, antaŭ atenta aŭskultantaro, la facilecon de la lernado de Esperanto kaj ĝian utilecon en ĉiuj fakoj de la tutmonda aktiveco. Entusiasmigaj aplaŭdoj finis la prelegon. Sekve de tio, oni espere antaŭkalkulas multajn aniĝojn por la kurso.

— La urbestraro de La Louvière donis la permeson lokigi la kurson ĉe la « Industria kaj Komerca Lernejo ».

— La L.K.K. eldonis belan reliefan glumarkon kaj esperas, ke ĉiuj gesamideanoj volos havi tiun propagandilon. Mendu ĝin grandkvante por helpi la L.K.K. (100 ekzempleroj estos sendataj post ricevo de la sumo de 5 frankoj al la poŝtĉekkonto 111.910 de la XXVa Belga Kongreso de Esperanto — La Louvière). Ĝis nun, pli ol 3500 glumarkoj estas venditaj kaj la L.K.K. dankas.

— Radio-Wallonia-Bonne-Espérance. — La 20an de Oktobro, je la tria, S-ano Noël Piette, parolis antaŭ la mikrofono, pri la internacia kongreso de Romo, al kiu li partoprenis.

*Kvara listo de kongresanoj :*

59. S-ro G. Vermandere, Antverpeno.
60. S-ino G. Vermandere-Van Caeneghem, Antverpeno.
61. S-ro Verbeke-Deman, Bruĝo.
62. S-ro Réne Geerinckx, Sint-Niklaas-Waes.
63. F-ino Julia Dubois, Berchem-Antverpeno.
64. S-ro Marcel Roost, Antverpeno.

Ĉu via nomo jam aperis tie ĉi?
vi deziras ke ĝi aperu proksiman monaton?

**SENDU** do tuj 15 Fr. al la P.Ĉ.K. 1119.10 de « XXV-a Belga Kongreso de Esperanto » — La Louvière.

**Helpu la organizantojn per frua aliĝo !**

## Familia Kroniko

### GRATULOJ.

Al S-ro G. E. Guillaume, kasisto de la Bruĝa Grupo, kies plej juna filo Gaëtan, edziĝis la 15-an de Oktobro kun F-ino Rene Danon.

### KONDOLENCOJ.

— Mortis S-ino Herincx, patrino de S-ino Merckx-Herincx, membrino de « La Verda Stelo ».

## Konsisto de la Direktanta Komitato

Honora Prezidanto : L. R. M. LEOPOLDO LA IIIa.

**a) Ligestraro:**

Prezidanto : D-ro Paul Kempeneers, 19, Avenuo Montjoie, Uccle.
Vicprezidanto : S-ro Léon Cogen, 52, Dreef, Ninove.
Vicprezidantino : F-ino Yvonne Thooris, 4, Wijnzakstr., Bruĝo.
Ĝenerala Sekretario : S-ro, Henri Petiau, 60, St Lievenslaan, Gento.
Kasisto : S-ro Maurice Jaumotte, 44, Avenuo De Bruyn, Wilryck.
Ĉefdelegito de U.E.A. : S-ro Morris De Ketelaere, 25, Oostenstraat, Antverpeno.
La Ligestraro estas krome helpata de du sekretarioj : S-ro Charles Poupeye, 44, Ŝoseo de Blankenberghe, Bruĝo kaj S-ro René Dechesne, 38, rue de la Meuse, Lieĝo.

**b) Konstantaj Gekomitatanoj:**

S-ro Cam. Babilon (Tongeren) ; S-ino Elworthy-Posenaer (St. Mariaburg-Eeckeren) ; Maurice Jaumotte (Wilryck) ; Oscar Van Schoor (Antverpeno) ; D-ro Van der Biest (Bruselo).

**c) Grupaj Delegitoj:**

« Verda Stelo » (Antverpeno) : S-roj A. Faes, 16¹, Schoenmarkt, Antv., kaj H. Boffejon, 23, Gladiolastr., Wilryck.
« Bruĝa Grupo » : F-ino Yvonne Thooris, 4, Wijnzakstraat, Bruĝo, kaj S-ro Ch. Poupeye, 44, Ŝoseo de Blankenberghe, Bruĝo.
« Brusela Grupo » : D-ro P. Kempeneers, 19, Avenuo Montjoie, Uccle. kaj F-ino S. Obozinski, 364, Avenuo Brugmann, Uccle.
« Genta Grupo » : S-ro Henri Petiau, 60, St. Lievenslaan, Gento, kaj S-ro G. Vandevelde, 230, Zwarteheirestr., Gentbrugge.
« La Louvière Grupo » : S-ro André Tassin, 1, rue St. Joseph, La Louvière.
Lieĝa S. P. E. : S-ro René Dechesne, 38, rue de la Meuse, Sclessin ; S-ro J. Bissot, 72, rue de Trazegnies, Sclessin, kaj F-ino Léontine Baiwir, 72, rue des Grands Prés, Chênée.
Nieuwpoort'a Grupo : S-ro L. Braet, 6, Langstr., Nieuwpoort.
Haselta Grupo : S-ro Prosper Van Genechten, Placo Leopold, Hasselt

**Juĝantaro pri profesora kapableco:**

Prezidantino : F-ino M. Jennen, 72, Str. de Albanie, Bruselo.
Efektivaj membroj : S-roj Cogen, Jaumotte, Vandevelde.
Anstataŭantoj : F-inoj Obozinski kaj Thooris ; S-roj De Ketelaere, Henraut, Mathieux kaj Osc. Van Schoor.

*Belga Esperantisto* : Direktoro : Maurice Jaumotte.
*Gazetara Servo* : S-roj Jaumotte, De Coster kaj Sielens.

# BELGA ESPERANTO-INSTITUTO

***Sekve al la alvoko en antaŭa numero, kaj okaze de la komenco de la 2-a laborjaro de la Magazeno, Willemsstrato, multaj mendis kaj aĉetis.***

***Aliaj tamen ankoraŭ forgesis. Ĉu vi estas kaj volas resti inter ili?***

# LA BELGA KONSTITUCIA LEĜO

*(Sekvo)*

Art 26. — La leĝdona povo estas plenumata kune de la Reĝo, de la Deputitaro kaj de la Senato.

Art. 26. — « Kune » tio signifas, ke neniu leĝo povas ekstariĝi sen la enmikso kaj la aprobo de la tri partoj, kiuj formas la leĝdonan povon. Leĝo aprobata de la du Ĉambroj ne estas leĝo, tiom longtempe, kiom la Reĝo ne ĝin subskribis.

Art 27. — La iniciativo apartenas al ĉiu el la tri branĉoj de la leĝdona povo.

Art. 27. — Leĝpropono do povas esti prezentata ĉu de la Reĝo, tiam ĝi estas ordinare subskribata de la kompetenta ministro, aŭ eĉ de la tuta registaro, ĉu de unu aŭ grupo de deputitoj, ĉu de unu aŭ grupo de senatanoj. En la du lastaj okazantaĵoj la leĝo estas unue pritraktata en tiu Ĉambro, en kiu okazis la iniciativo.

Ĝis la 15an de Oktobro 1921a, tiu ĉi artikolo tamen havis duan paragrafon, kies teksto estis:

« Tamen ĉiu leĝo kiu rilatas al la enspezoj aŭ elspezoj de la Ŝtato, aŭ al la kontingento de la armeo, devas unue esti aprobata de la Deputitaro. »

Art. 28. — La deviga klarigo de la leĝoj apartenas nur al la leĝdona povo.

Art. 28. — Reĝaj decidoj do ne sufiĉas por klarigi leĝon, kies apliko estus malfacila pro la fakto, ke oni ne akordiĝas pri la kompreno de la Leĝo.

Art. 29. — La rega povo, tiel kiel ĝi estas starigata de la Konstitucia Leĝo, kuŝas ĉe la Reĝo.

Art. 29. — Vidu pri la labormaniero de la rega povo, la art. 63 kaj sekvantajn.

Art. 30. — La juĝa povo estas plenumata de la kortumoj kaj tribunaloj. La dekretoj kaj juĝoj estas plenumataj en nomo de la Reĝo.

Art. 31. — La pure komunumaj aŭ provincaj interesoj estas regataj de la komunumaj aŭ provincaj konsilantaroj, laŭ la principoj fiksataj per la Konstitucia Leĝo.

ĈAPITRO UNUA. — **Pri la Ĉambroj.**

Art. 32. — La membroj de ambaŭ Ĉambroj reprezentas la Nacion, kaj ne nur la provincon aŭ la subdividon de provinco, kiu ilin elektis.

Art. 32. — Tiu ĉi artikolo permesas al kandidato sin prezenti al la parlamentaj elektadoj en kiu ajn distrikto, eĉ do en distrikto en kiu li ne loĝas. Ekz. estis dum multaj jaroj la parlementano Buyl, kiu estis samtempe urbestro de Brusela antaŭ-urbo, kie li do devis loĝi, kaj deputito de la distrikto Ostendo. Alia ekzemplo prezentiĝis, kiam la provinca konsilantaro de Namuro elektis senatanon, grafon de Broqueville, la iaman ĉefministron, kvankam tiu ĉi ĉiam loĝis en la provinco Antverpeno.

Art. 33. — La kunsidoj de la Ĉambroj estas publikaj.

Ambaŭ Ĉambroj tamen povas kunsidi malpublike, je l'demando de la prezidanto aŭ de dek membroj.

Ĝi decidas poste, je l'plena plimulto,ĉu la kunsido devas esti daŭrigata publike, pri la sama objekto.

Art. 34. — Ambaŭ Ĉambroj kontrolas la povojn de siaj membroj kaj decidas pri la konfliktoj, kiuj pri ili okazas.

Art. 35. — Oni ne kapablas esti samtempe membro de ambaŭ Ĉambroj.

Art. 35. — Tio ne signifas, ke oni ne povas esti kandidato por ambaŭ Ĉambroj, ĉe elektoj. Tre ofte okazas inter alie, ke parlamentano estas samtempe efektiva kandidato por unu Ĉambro kaj anstataŭanta kandidato por la alia. Oni tamen ne povas esti kandidato por la sama Ĉambro en pli ol unu distrikto, kiel tio okazis en Francujo, tiel ke elektadoj povis iĝi vera referendumo sur unu persono. Memoru ni pri Thiers, Boulanger, k.a. kaj eĉ, antaŭ kelkaj tagoj Laval, elektita senatano en du distriktoj.

Art. 36. — Membro de unu el ambaŭ Ĉambroj, kiu estas nomata de la Registaro al salajrita ofico, krom tiu de ministro, kaj kiu ĝin akceptas, ĉesas tuj kunsidi kaj nur reprenos siajn funkciojn post nova elekto.

Art. 36. — En la komenco ne estis esceptata en tiu ĉi artikolo la funkcio de ministro. Ministro do nun povas esti pagata de la Ŝtato kaj tamen resti membro de unu el ambaŭ Ĉambroj. Ministro tamen povas esti neparlamentano.

Art. 37. — En ĉiu kunsida periodo, ambaŭ Ĉambroj elektas sian prezidanton, siajn vicprezidantojn kaj kunmetas sian estraron.

Art. 37. — La prezidantoj de ambaŭ Ĉambroj estas la « unuaj civitanoj » de la Lando, enviciĝas do antaŭ la ĉefministro kaj la ministroj. Estas nur unu persono krom la membroj de la Reĝa familio, kiu estas hierarhie pli altstaranta ol la prezidantoj de la Ĉambroj, nome la ĉefepiskopo de Meĥleno, kiam li estas kardinalo, ĉar kardinalo estas princo de la Eklezio, kaj estas en Belgujo konsiderata kiel « persanga » princo.

Art. 38. — Ĉiu decido estas akceptata per absoluta plimulto de voĉoj, krom tio, kio estas fiksata per la regularoj de la Ĉambroj rilate al la elektoj kaj prezentadoj.

Okaze de voĉegaleco, la propono pritraktata estas malaprobata.

Neniu Ĉambro rajtas preni decidon, se la duono de ĝiaj membroj ne ĉeestas.

Art. 38. — Oni devas kompreni tiun artikolon, tiel ke oni bezonas la plimulton de la « ĉeestantaj » membroj.

Kutime do minimume la duono de la membroj devas ĉeesti. En la Konstitucia Leĝo mem tamen estas fiksataj kelkaj okazoj, kiam devas ĉeesti du trionoj de la membroj.

Art. 39. — La voĉdonoj okazas laŭtvoĉe, aŭ sidante kaj ekstarante ; pri tuta leĝo, oni ĉiam voĉdonas laŭ nomvokado kaj laŭtvoĉe. La elektoj kaj prezentoj de kandidatoj okazas laŭ sekreta voĉdono.

Art. 39. — Leĝo kun diversaj artikoloj do ĉiam estas voĉdonataj unue laŭ vico de artikoloj, poste entute. Pro tio la diferenco en la maniero de voĉdonado.

Art. 40. — Ambaŭ Ĉambroj havas enketrajton.

Art. 41. — Neniu leĝo povas esti akceptata de unu el la Ĉambroj, se ne post laŭartikola voĉdono.

Art. 41. — Vidu rimarkon de Art. 39.

Art. 42. — La Ĉambroj havas la rajton amendumenti kaj dividi la artikolojn kaj proponitajn ŝanĝojn.

Art. 42. — Tio estas komprenebla sekvo de la Art. 27.

Art. 43. — Estas malpermesate prezenti persone petskribon al la Ĉambroj.

Ambaŭ Ĉambroj havas la rajton resendi al la ministroj la petskribojn, senditajn al ili. La ministroj estas devigataj doni klarigojn pri ties enhavo, ĉiufoje kiam la Ĉambro tion postulas.

Art. 43. — Persono, kiu deziras prezenti petskribon, do povas ĝin sendi, ĉu ĝin porti al la prezidanto, sed neniuokaze li povas eniri la kunsidon, por ĝin transdoni.

Art. 44. — Neniu membro de unu el ambaŭ Ĉambroj povas esti persekutata aŭ serĉata okaze de opinioj aŭ voĉdonoj esprimataj de li dum plenumo de liaj funkcioj.

Art. 44. — Membro de la Parlamento do povas diri en kunsido, aferojn, kiuj akirus al li punojn se ili estus elparolataj ekster la Ĉambroj. Li povas kritiki agojn eĉ de komercaj societoj aŭ de privatuloj. Li tamen ne povas rediri la samajn paroladojn ekster la kunsido.

Art. 45. — Neniu membro de unu el ambaŭ Ĉambroj povas esti dum la daŭro de la kunsida periodo pune persekutata aŭ arestata, sen permeso de la Ĉambro, de kiu li estas membro, krom ĉe l'freŝa faro.

Neniu korpa devigo povas esti praktikata kontraŭ membro de unu el ambaŭ Ĉambroj, dum la kunsida periodo, sen la sama permeso.

La enkarcerigo aŭ la persekutado de membro de unu el ambaŭ Ĉambroj estas interrompata dum la kunsido kaj dum ties tuta daŭro, se la Ĉambro tion postulas.

Art. 45. — La persekutado pri kiu temas en tiu ĉi artikolo kompreneble ne rilatas al civilaj kaj komercaj malkonsentoj.

Art. 46. — Ambaŭ Ĉambroj fiksas per sia regularo, la manieron, laŭ kiu ili plenumas siajn oficojn.

*Sekcio unua.* — **Pri la Deputitaro.**

Art. 47. — La reprezentantoj de la Deputitaro estas senpere elektataj de la enloĝantoj, kiuj plene atingis sian 21an jaron, kiuj loĝas dum minimume ses monatoj en sama komunumo kaj kiuj ne estas en unu el la okazoj de escepto, antaŭvidataj per la leĝo.

Ĉiu voĉdonanto havas nur unu voĉon.

Per leĝo, la voĉdonrajto povas esti donata al la virinoj, laŭ samaj kondiĉoj. Tiu ĉi leĝo devas minimume esti akceptata de la du trionoj de la voĉoj.

Art. 47. — Tiu ĉi elektmaniero estas la tria sistemo, praktikata dum la centjara sendependeco. La unua daŭris de 1830 ĝis 1893, la dua de 1893 ĝis 1921, la tria poste.

Ĉe la lasta ŝanĝo en la Konstitucia Leĝo, ne estis plimulto por akcepti la virinan voĉdonrajton. Sed plimulto akceptis ke ĝi povos esti enkondukata, sen ŝanĝo al la Konstitucia Leĝo. Tial oni enskribis la lastan paragrafon de la artikolo, kiu tamen postulas saman plimulton, kiel por ŝanĝo al la Konstitucia Leĝo, sed sen solviĝo de la Ĉambroj.

Art. 48. — La kunmeto de la elektantaro, en ĉiu provinco, estas starigata per la leĝo.

La elektadoj okazas laŭ la sistemo de proporcia reprezentado, fiksata per la leĝo.

La voĉdono estas deviga kaj sekreta. Ĝi okazas en la komunumo, krom esceptoj fiksataj de la leĝo.

Art. 48. — Ĉiuj elektantoj de sama distrikto (subdivido de provinco) voĉdonas pri la samaj kandidatoj.

Belgo kies nomo staras sur la elektantara listo kaj kiu ne iras por voĉdoni povas esti persekutata kaj punata.

Nur en malgrandaj komunumoj povas okazi ke oni grupigas du aŭ pli multajn komunumojn en unu voĉdona oficejo.

Art. 49. — La prielektada leĝo fiksas la nombron de deputitoj, proporcie al la enloĝantaro ; tiu nombro ne povas superi la proporcion de po unu deputito por 40.000 enloĝantoj. Ĝi fiksas la kondiĉojn, plenumotajn por esti elektanto, kaj ankaŭ la iradon de la elektaj operacioj.

Art. 49. — De post la milito estis 186 deputitoj, kaj post la anekso de Eupen kaj Malmédy estas 187.

Art. 50. — Por esti elektebla, oni devas :

1° Esti Belgo pro naskiĝo aŭ esti akirinta la plenan regnaniĝon ;

2° Ĝui civilajn kaj politikajn rajtojn ;

3° Esti atinginta la plenan aĝon de 25 jaroj ;

4° Loĝi en Belgujo.

Neniu alia kondiĉo al elektebleco povas esti fiksata.

Art. 51. — La membroj de la Deputitaro estas elektataj por daŭro de kvar jaroj.

La Deputitaro estas renovigata ĉiujn kvar jarojn.

Art. 51. — Ĝis en 1921, la dua parto de tiu ĉi artikolo fiksis, ke ĉiujn du jarojn, la duono de la Deputitaro estis reelektebla.

Art. 52. — Ĉiu membro de la Deputitaro ĝuas jaran kompenson de 12.000 frankoj.

Plie li rajtas senpage uzi ĉiujn veturrimedojn, kiujn la Ŝtato ekspluatas kaj kiujn ĝi koncesias.

La leĝo fiksas la aliajn veturilojn, krom la suprecitita;, kiujn la Deputitoj povas uzi senpage.

Jara kompenso, dekalkulota de la kredito, destinata al kovro de la elspezoj de la Deputitaro, povas esti asignata al la prezidanto de tiu kunsido.

La Deputitaro fiksas kiuj deprenoj povas okazi de la kompensoj, kiel partopreno en la vivrentuma kaj pensiuma kaso, kiun ĝi konsiderus utile starigi.

Art. 52. — Tiu ĉi artikolo jam dufoje estis ŝanĝata. Antaŭ la milito kaj ĝis 1921, la jara kompenso estis 4.000 frankoj. Plie, tiam la senpaga veturado nur estis permesata inter la loĝurbo de la deputito kaj la urbo kie okazis la kunveno (Bruselo).

Klariga leĝo fiksis je 42.000 frankoj, la deputitan kompenson, tio pro la malvaloriĝo de la belga mono dum la postmilitaj jaroj.

*Sekcio II.* — **Pri la Senato.**

Art. 53. — La Senato estas kunmetata :

1° El membroj elektataj laŭ la enloĝantaro de ĉiu provinco, konforme al Art. 47. La ordonoj de art. 48 estas aplikotaj al la elekto de tiuj senatanoj.

2° El membroj, elektataj de la provincaj konsilantaroj, laŭ proporcio de unu senatano por ĉiuj 200.000 enloĝantoj. Ĉiu supera nombro de almenaŭ 125.000 enloĝantoj rajtigas al plia senatano. Ĉiu provinca konsilantaro elektas tamen almenaŭ tri senatanojn.

3° El membroj elektataj de la Senato, ĝis nombro egala al la duono de la nombro de senatanoj, kiuj estas elektataj de la provincaj konsilantaroj. Se tiu nombro estas nepara, oni ĝin pligrandigas per unu unuo.

Tiuj ĉi membroj estas indikitaj de la senatanoj, kiuj estis elektitaj laŭ la numeroj 1 kaj 2 de tiu ĉi artikolo.

La elekto de la senatanoj elektataj laŭ numeroj 2 kaj 3 okazas laŭ la sistemo de la proporcia reprezentado, fiksata per la leĝo.

Art. 53. — Tiu ĉi artikolo jam dufoje estis ŝanĝita. Unue ĝi nur fiksis ke la senatanoj estas elektotaj de la samaj elektantoj, kiuj voĉdonas por elekti la Deputitoj. Poste estis kreata la dua kategorio de la « provincaj senatanoj ». La tria kategorio nur ekzistas de la 15a de Oktobro 1921 kaj nomiĝas « kromindikitaj aŭ kooptaj senatanoj » (cooptés-gecoopteerden).

Art. 54. — La nombro de la senatanoj, kiuj estas senpere elektataj de la elektantaro, estas egala al la duono de la nombro de membroj de la Deputitaro.

Art. 54. — Nuntempe le Senato do konsistas el 93 elektataj senatanoj, 42 provincaj kaj 21 « kooptaj », do 156 membroj, al kiuj oni ĝis 1934 aldonis Princon Leopoldon, tiam dukon de Brabanto, kaj heredan princon ; kiu, laŭ art. 58, rajtis kunsidi en la senato, kaj faris la senatanan ĵuron.

Art. 55. — La senatanoj estas elektataj por daŭro de kvar jaroj. La senato estas renovigata ĉiujn kvar jarojn.

Art. 55. — La malnova artikolo fiksis, ke senatano estas elektata por daŭro de ok jaroj, kaj ke la senato estis renovigata duone ĉiujn kvar jarojn.

Art. 56 — Por esti elektebla kiel senatano, oni devas :

1° Esti Belgo pro naskiĝo aŭ esti akirinta la plenan regnaniĝon.

2° Ĝui civilajn kaj politikajn rajtojn.

3° Loĝi en Belgujo.

4° Esti atinginta almenaŭ la aĝon de kvardek jaroj.

Art. 56. — Ĝis en 1921 estis kvina kondiĉo, laŭ kiu nur riĉaj personoj, pagantaj altajn taksojn kaj impostojn al la Ŝtato, povis iĝi senatano. Tiu imposta kondiĉo tamen nur valoris por la rekte elektataj senatanoj, sed kiam en 1893 estis starigata la kategorio de « provincaj senatanoj », tiuj ĉi las'aj ne devis plenumi tiun 5an kondiĉon.

Art. 56bis. — Por esti elektebla kiel senatano laŭ la numero 3 de art. 53, oni devas plie aparteni al unu el la sekvantaj kategorioj :

1° La ministroj, estintaj ministroj kaj ŝtatministroj;

2° La membroj kaj estintaj membroj de la Deputitaro kaj Senato ;

3° La posedantoj de fina diplomo, donita de unu el la organizaĵoj de supera instruado, kies listo estas fiksata per la leĝo ;

4° La estintaj superaj oficiroj de l'armeo kaj la maristaro ;

5° La titolhavantaj kaj titolhavintaj membroj de komercaj tribunaloj, kiuj almenaŭ dufoje ricevis mandaton ;

6° Tiuj, kiuj dum almenaŭ dek jaroj, plenumis pastroficon de unu el la religioj, kies membroj ricevas jaran honorarion, pagatan de la Ŝtato ;

7° La aktivaj membroj aŭ estintaj aktivaj membroj de unu el la Reĝaj Akademioj kaj la profesoroj kaj estintaj profesoroj de unu el la organizaĵoj de supera instruado, kies listo estas fiksata per la leĝo;

8° La estintaj provincestroj, membroj kaj estintaj membroj de la provincestraroj, la estintaj distriktestroj ;

9° La membroj kaj estintaj membroj de la provincaj konsilantaroj, kiuj almenaŭ dufoje ricevis mandaton ;

10° La urbestroj kaj estintaj urbestroj, skabenoj, kaj estintaj skabenoj de komunumoj-ĉeflokoj de distriktoj kaj de komunumoj kun pli ol 4.000 enloĝantoj ;

11° La estintaj ĝeneralaj koloniestroj kaj ĝeneralaj sub-koloniestroj de la Belga Kongo-lando, la membroj kaj estintaj membroj de la Kolonia Konsilantaro ;

12° La estintaj ĝeneralaj direktoroj, la estintaj direktoroj kaj la estintaj ĝeneralaj inspektoroj de la diversaj ministrejoj ;

13° La posedantoj kaj fruktuzuloj de nemovigeblaj bienoj en Belgujo, kies bienetata rento estas minimume 12.000 frankoj ; la impostpagantoj, kiuj ĉiujare pagas al la Publika Trezoro, minimume 3.000 frankojn, kiel rektaj impostoj ;

14° Tiuj, kiuj estris, kiel administranto-delegito, direktoro aŭ en simila ofico, dum 5 jaroj, la ĉiutagan direktadon de Belga komerca societo kun akcioj, kies kapitalo estas plene pagata ĝis almenaŭ unu miliono de frankoj ;

15° La estroj de industrioj, kiuj okupigas almenaŭ 100 laboristojn kaj la terkulturaj entreprenoj de minimume 50 hektaroj ;

16° Tiuj, kiuj estris, kiel administranto-rajtigito aŭ en simila ofico, dum almenaŭ 3 jaroj, la ĉiutagan direktadon de Belga Koopera Societo kun minimume 500 membroj de kvin jaroj ;

17° Tiuj, kiuj, kiel aktivaj membroj, dum kvin jaroj, plenumis la oficon de prezidanto aŭ sekretario de interhelpada societo aŭ de ligo de interhelpadaj societoj, kun almenaŭ 1.000 membroj de kvin jaroj;

18° Tiuj, kiuj, kiel aktivaj membroj, dum kvin jaroj plenumis la oficon de prizidanto aŭ sekretario de societo profesia, industria aŭ terkultura, kun almenaŭ 500 membroj de 5 jaroj ;

19° Tiuj, kiuj, dum kvin jaroj plenumis la oficon de prezidanto de komerca aŭ industria Ĉambro kun minimume 300 membroj de 5 jaroj ;

20° La membroj de industriaj kaj laboraj konsilantaroj, de provincaj terkulturaj komisioj, de la metiaj juĝejoj, kiuj almenaŭ dufoje ricevis mandaton ;

21° La membroj elektataj de unu el la konsultaj konsilantaroj de la ministrejoj.

Novaj kategorioj de elektebluloj povas esti enkondukataj per leĝo ; tiu ĉi leĝo devas esti akceptata de almenaŭ la du trionoj de la voĉoj.

*(Sekvo en proksima numero.)*

Trad. kaj klarigis
Maur. JAUMOTTE.

# BELGA KRONIKO

## Grupa Kalendaro

ANTVERPENO. — **Reĝa Esperanto-Grupo " La Verda Stelo ".** — Kunvenejo « De Witte Leeuw », Frankrijklei, 4, Avenue de France : ĉiusabate je 20 h.: leciono de la perfektiga kurso; je 21 h.: kunsido laŭ indikita programo.

La 2-an de Novembro (Tago de la Mortintoj) nur okazos intima kunsido de la membroj.

La 9-an (okaze de la Milithaltigo) : Dancvespero, je la 9a. en « Brasserie de la Bourse », 19, Twaalf Maandenstr.

La 16-an : Parolado de S-ro Ch. Van der Veken : « La Hitler-programo ».

La 23-an : Parolado de S-ro Faes : « La Banado » (Sekvo).

La 30-an : « Cocktail »-vespero.

BRUĜO. — **Bruĝa Grupo Esperantista, Reĝa Societo.** — Ĉiumarde, je la 20-a, en la sidejo « GOUDEN HOORN - CORNET D'OR, placo Simon Stevin :

La 1-an de Novembro (vendrede-Festo de Ĉiuj Sanktuloj) : Partopreno en la funebra sekvantaro ĝis la milita tombejo. Speciala honorigo je la memoro de la formortinta Reĝino Astrid. Kunveno je la 10 h. 30 matene, en la komenco de la S-ta Georgo-strato, malantaŭ la grupa flago.

La 5-an : Legado kaj klarigado de « Belga Esperantisto ». (Prez. : S-ro Ch. Poupeye.)

La 12-an : a) Parolado de F-ino Cécile Willems « Legi estas arto ». b) Ludoj. (Prez. : S-ro G. Groothaert).

La 19-an : Kantvespero sub gvidado de S-ino Ch. Poupeye kaj de F-ino A. Boereboom.

La 26-an : a) Interparolaj ekzercoj. (Prez. : F-ino Y. Thooris.) b) Humoraĵoj. (Prez. : S-ro G. E. Guillaume.)

N.-B. — La danclecionoj anoncitaj por Oktobro ne povis okazi pro malhelpo de la sindonema gvidanto S-ro P. De Vooght, kiu suferis malgrandan operacion. Ili okazos regule en Novembro, dum la dua duono de ĉiu marda kunveno.

— Pliaj lecionoj de la Esperanto-kurso por komencantoj okazos en la sama sidejo, ĉiuvendrede, t.e. la 8-an, 15-an, 22-an kaj 29-an de Novembro, je la 20-a akurate.

— POR MEMORO : Dimanĉon, 8-an de Decembro, je la 5-a posttagmeze, en la grupa sidejo : Intima teatra festo, honore de S-ro Sylvain Dervaux, Honora Prezidanto de la grupo. Por fini : dancado.

— Sabaton, 14-an de Decembro, je la 20 h. 30, en « Muntpaleis — Palais de la Monnaie » : granda publika kaj propaganda balo.

La grupa BIBLIOTEKO estas malfermata ĉiumarde, *kaj ankaŭ ĉiuvendrede dum la daŭro de la kurso*, de la 19,30-a ĝis la 20-a, en la grupa sidejo « Gouden Hoorn — Cornet d'Or». Bibliotekistoj : S-roj Ch. kaj J. Decoster. Tie ankaŭ samtempe : vendado kaj mendado de esperantaĵoj : libroj, steloj, poŝtkartoj, skribpapero, ktp.

BRUSELO. — **"Esperantista Brusela Grupo".** — Kunvenejo : « Brasserie du Sac », Granda Placo, 4, ĉiulunde je la 20.30a h.

GENTO. — **« Genta Grupo Esperantista »** — Kunvenejo en la lernejo Nova strato Sankta Petro N° 45 ; ĉiumerkrede je la 7a vespere.

LA LOUVIERE. — **Loka Sekcio de Belga Ligo.**

La 3-an kaj la 17-an de Novembro, je la tria, S-ano Tassin parolos pri nia XXVa, kaj pri aliaj informoj.

LIEĜO. — **« Societo Lieĝa por la Propagando de Esperanto »**.

CHENEE : ĉiulunde, je 7-a horo : perfektiga kunveno ĉe F-ino Baiwir, rue des Grands Prés, 72.

LIEĜO : ĵaŭdon 14-an de Novembro, je 8-a horo, perfektiga kunveno en Grand Hôtel du Phare, place Maréchal Foch.

SCLESSIN : ĵaŭdojn 7-an kaj 21-an de Novembro je 7 h. 30, perfektigaj kunvenoj en Kafejo Dechesne, rue Ernest Solvay, 1.

## Grupaj Raportoj

**ANTVERPENO. — Reĝa Esperanto-Grupo " La Verda Stelo ".** — La 5-an de Oktobro, la membroj vizitis la magazenon en la Willemsstrato, kaj aĉetis por pli ol 800 frankoj. Poste ili kune iris al «Witte Leeuw», kie okazis gaja dancado.

La 12-an plej bone sukcesis gramofonvespero en la magazeno de G-roj Faes, kiujn dankis S-ro Jaumotte, kiu ankaŭ bonvenigis Hungaran Samideaninon F-inon Hojnoczi.

La 19-an, F-ino Mathilde Hofkens, plej lerte, paroladis pri la « Mensogo ĉe la infano ». Post dankvorto de S-ro Boffejon, vicprezidanto, ekestis vigla diskuto.

La 26-an, S-ro Faes komencis tre interesan paroladon pri la Banado tra la Historio kaj la Prezidanto varme dankis.

**BRUĜO. — " Bruĝa Grupo Esperantista ", Reĝa Societo.** — La 24-an de Septembro S-ro R. Groverman daŭrigis sian interesan vojaĝraporton kaj parolis pri Svislando. Por fini S-ro H. Moy Thomas, samgrupano el Londono, helpata de F-inoj A. Boereboom kaj S. Vanden Berghe, instruis la kanton « La Vojaĉo ».

Dum la kunveno de la 1a de Oktobro propagandaj aranĝoj estis alprenataj pri la kurso por komencantoj; invitiloj kaj reklamafiŝoj estis disdonataj.

Post la kutimaj komunikaĵoj faritaj de la Prezidantino F-ino Y. Thooris, la ĉeestantoj ĝuis la 8-an tre agrablan interbabilan vesperon.

La 11-an malfermiĝis nova kurso por komencantoj en la sidejo « Gouden Hoorn — Cornet d'Or » kaj sub la gvidado de S-ro Ch. Poupeye. Dudek du novaj gelernantoj enskribiĝis.

Dum sia kunveno de la 14-a, la grupa komitato decidis restarigi la postenon de vicprezidanto, kiu vakis de post la morto de S-ro Léon Devriendt. Ĉar laŭ la statutoj la komitato povas provizore anstataŭigi — ĝis la venonta ĝenerala kunveno — eksiĝintajn komitatanojn, ĝi do proponis tiun postenon al la ĝisnuna sekretario S-ro Charles Poupoye, kiu siavice estis anstataŭata, kiel sekretario, de S-ro Georges Groothaert, ankoraŭ sufiĉe nova, sed tre agema kaj sindonema grupano.

La 15-an S-ro Jef Decoster mallonge, sed plej kompetente, paroladis pri la arto de deklamado ;li baldaŭ donis kelkajn praktikajn ekzemplojn majstre deklamante diversaŭtorajn flandrajn poeziaĵojn. Li rikoltis entuziasmajn aplaŭdojn, kiuj duobliĝis, kiam li promesis fari estonte samajn deklamadojn en Esperanto.

**BRUSELO. — " Esperantista Brusela Grupo ".** — La Ĝenerala Kunveno okazis la 7an de Oktobro. Jen estas la nova Komitato :

D-roj Kempeneers kaj Van der Biest, Honoraj Prezidantoj.
F-ino Jennen, Prezidantino.
F-ino Obozinski, Vicprezidantino.
S-ro Swinne, Sekretario.
F-ino Dubois, Helpsekretariino.
S-ro Castel, Kasisto.
F-ino Kerkhof, Bibliotekistino.
S-ino E. Staes, Butikistino.
Ges-oj Aert, Kestens, D-ro Maes, Plyson, Konsilantoj.

— S-ro Hans Duffels el Emmerich (Rhein), venis Bruselon por viziti la Ekspozicion; li grave estis vundita: aŭtomobilo rompis al li kruron. Li devis resti en Hospitalo Brugmann dum du monatoj.

Li petis, ke la Brusela Grupo helpu lin revidi Germanujon. Iun matenon, kvar samideanoj alvenis en la hospitalon por helpi la vunditon iri al la Nordstacidomo. Ĉio estis preta: novaj vestaĵoj por anstataŭi la ŝiritajn, fervoj-bileto, aŭtomobilo, veturileto en la stacidomo; samideanino eĉ alportis specialan apogilon por la vundita kruro.

— Kelkaj samideanoj ĉeestis paroladon de nia franca samideano Dru, en la Brusela Universitato, dum la Kongreso de Hemio. S-ro Dru klopodis enkonduki Esperanton en tiun fakon. La ĉeestantaro starigis specialan komision.

— Jaŭdon, la 17-an, en « Hôtel Central », kvindek samideanoj el 7 diversaj Grupoj, ĉeestis paroladon de F. W. Buenting, el Nederlanda Hindujo. Temo: « La Logikeco en la Esperanta Gramatiko ». Tiuj novaj ideoj pri instruado de nia lingvo havis grandan sukceson. La paroladon ornamis bela kanto de S-ino E. Staes.

— La 21-an okazis amuza vespero kun la helpo de S-ro Macke, el Arras. Ĉeestis proksimume 60 personoj. Sinjorino E. Staes malfermis la feston per kelkaj kantoj. S-ro Macke, amuzis la ĉeestantojn per siaj iluziaĵoj. Li igis tukon paroli, kaj li igis multajn monerojn disruliĝi el la nazoj de la ĉeestantoj, en sian ĉapelon.

**LIEĜO. — Societo Lieĝa por la Propagando de Esperanto.** — La kursoj anoncitaj komenciĝis dum Oktobro sub prezido de S-ro Baiwir, kiu, en nomo de S.L.P.E., faris, en ĉiu lernejo ,la oficialan malfermon per taŭga parolado pri Esperanto kaj la movado.

Pro manko de mono, la Societo ne povis, ĉi tiun jaron, fari la grandan propagandon, kiun ĝi deziris, kaj la konsekvenco estas, ke la lernantoj ne alvenis tiel multenombre kiel la antaŭajn jarojn.

Malgraŭ tio, la profesoroj kuraĝe komencis sian instruon kaj oni antaŭvidas ke, dank'al ilia sindono, la kursfina rezultato, kiun ili trafos, estos tamen kontentiga.

Pri la vivo en la grupoj mem, nenio estas speciale komunikota: iliaj perfektigaj kunvenoj regule funkciis kiel kutime.

# Esperanto kaj Radio

*Horoj laŭ G.M.T., do unu horo pli frue ol M.E.T.*

LUNDE: 18.30-18.40 Genève Sottens, 443 m., P. Bouvier, supera kurso, tradukoj kaj informoj.

MARDE: 18.20-1840 Hilversum, 1875 m., esperantkurso, S-ro Heiker. — 18.50-19.00 Tallinn, 410 m., informoj pri Estonio. — Ĉirkaŭ 22.20 PRF.5-Rio de Janeiro, 31 m. 5, Esperantlingva bulteno kaj kantoj.

MERKREDE: 17.35-18.00 Wien, 569 m., kurso, prikongresaj informoj kaj respondoj al demandoj, S-ano Steiner. — 14.00-14.25 Paris PTT, Alpes Grenobles, kurso de C. Rousseau.

VENDREDE: 19.40-20.00 Nice-Cannes, kurso, paroladoj, S-ano C. Avril.

SABATE: 16.10-16.20 Tour Eiffel, priturisma parolado. — 18.25-18.35 Rome, priturisma parolado. — Alterne 17.10-17.25, Hilversum I, 1875 m., kaj 18.10-18.30, Hilversum II, 301 m., paroladoj kaj informoj.

DIMANĈE: 9.00-9.15 Marseille, 400 m., kurso aŭ literaturo kaj informoj. — 9.00-10.00 Lille, 247 m., paroladoj pri diversaj temoj kaj kurso.

La unuan merkredon de la monato, Praha, 470 m., 120 kw, Brno, M. Ostrava, je 21.15: esperanta horeto kun kantoj, teatraĵeto, parolado.

La lastan merkredon de la monato, Praha, Brno, M. Ostrava, parolado el la ciklo: « Ĉeĥoslovakujo laboranta ».

La unuan kaj la trian sabatojn de la monato: Lyon la Doua, 463 m., kroniko de S-ino Borel.

La 3, 6, 9, 12, 15, 18, 21, 24, 27, 30-an de ĉiu monato, je 20.45 h., Minsk, 71442 m., parolado.

Ĉiududimanĉe, (3 kaj 17-an de Nov.), Walonia B.E., je 15.00 kaj Hilversum I, 1875 m., je 22.40, paroladoj.

## GRAVA KAJ URĜA AGADO

Anstataŭ du kilovatoj la potenco de Radio PTT Nord en LILLE, plifortiĝis ĵus je 60, kaj dank'al la potenca stacio de Camphin la elsendoj estas aŭdeblaj de Marokujo ĝis Svedujo, de Polujo ĝis Irlando. LA STACIO TREEGE DEZIRAS RICEVI AŬSKULT-REZULTATOJN (kondiĉojn de aŭdeblecoj, klareco, svenado, forteco, opinio pri muzikistaro, ktp...) el eksterlando. Kaj pro tio, ĝi de tempo al tempo anoncas ESPERANTLINGVE siajn programojn. Do estas nepra devo de ĉiuj celkonsciaj esperantistoj konigi esperantlingve siajn rezultojn al: Radio PTT Nord, 36 Boulevard de la Liberté, LILLE, France. De multaj jaroj tiu stacio regule elsendas ĉiudimanĉe esperantistan DUONHORON, (la aliaj francaj radio-elsendstacioj dissendas esperantlingve nur dum dek aŭ dekkvin minutoj). Ĝis nun alvenis sciigoj de aŭskultintoj el diversaj landoj, sed neniu en esperanto. Do, ni INSISTE PETEGAS al niaj eksterlandaj amikoj atente aŭskulti Radio PTT Nord'on (ondlongeco 247 m.), kaj skribi al la stacio. Skribu eĉ se vi ne estas teknikisto, eĉ se vi aŭskultis ĉe najbaro, leterojn, poŝtkartojn ilustritajn aŭ ne, ne gravas, sed FARU TUJ. De alvenontaj leteroj dependas la estonta intereso de la stacio al Esperanto.

Certe, vi faros VIAN DEVON. Kordankon!

*(Komuniko de la « Radio-Klubo Esperantista de Francujo »)*

# La Gazetaro parolas...

**Redaktas: H. A. R. S.**

— THE BRITISH ESPERANTIST. — *La Ligo Internacia de Esperantistaj ĵurnalistoj*, estas fondita kun la celo kunigi Esperantistajn ĵurnalistojn kaj gazetraportistojn, solvi problemojn ĵurnalismajn; starigi kontakton kun la Esperanta gazetaro kaj zorgi pri interhelpo financa kaj morala; kaj eventuale eldoni propran organon, kiu pritraktos ĵurnalismajn demandojn.

— *Grava gajno dank'al Radio.* — Sekve de la sukcesa intereso vekita inter la Esperantistaj radiuloj pri la lastatempaj Esperantaj muzikaj Horetoj de la Ĉeĥaj stacioj, la Ĉeĥoslovaka Nacia Muzeo en Praha ĵus instalis apartan Esperantan Sekcion; la iniciatinto estas ambasadoro, S-ro Ed. Kuhl, kiu estas samideano. Ĝi celas ne nur kolekti materialon por kon-

servi ĝin por la es onteco, sed samtempe la akiron de materialo uzebla por diversaj Esperantaj aŭ priesperantaj ekspozicioj. Oni kolektas librojn, gazetojn, diversajn prospektojn, broŝurojn. K. S. Samideanoj estas petataj helpi al la pliampleksigo de la Esperanta Sekcio de ĉi tiu unu el la plej gravaj eŭropaj muzeoj sendante ĉiuspecan materialon al: D-ro Josef Volf, Direktoro de la Biblioteko de la Nacia Muzeo. Vaclacska namesti, Praha. En la Muzeo estos konservataj ĉiuj korespondaĵoj kaj materialoj kiujn ricevas de siaj aŭskultantoj la radiostacio Brno. Pro tio, konfirmante la aŭdon de iu Esperanta Horeto el iu ajn Ĉeĥa stacio, bonvole skribu nur al Radio-journal Brno, Kounicova 44, Brno.

Ĉi tiu sukceso estas granda venko kaj montras, kion atingis ni radiuloj, se ni bone subtenas Esperantajn radio-elsendojn.

— LIGILO. — La Internacia Transportfederacio invitis la fervojistojn S-rojn J. Kotoulck kaj T. Gisler por rondvojaĝo en Eŭropo. Ili parolados en Germanujo, Nederlando, Belgujo, Francujo, Svisujo kaj Aŭstrio Esperantlingve, pri la temo « Ĉeĥoslovakujo kaj ĝiaj fervojoj ».

## Bibliografio

*SUR SANGA TERO. — Romano de JULIO BAGHY, daŭrigo de « Viktimoj ». Eldono de la aŭtoro, 264 pĝ., kliŝita kovrilpaĝo. Formato 12,5×17,5. — Prezo: broŝurita svf. 4,—; bindita svf. 5,50. Plus 10 % por sendkostoj. Havebla ĉe la presejo: A. Szalay Budapest, VIII, Kender-u. 39.*

*« PASKO » DE AUGUST STRINDBERG. Tradukis STELLAN ENGHOLM. — Dramo en tri aktoj. Eldonis: Eldona Societo Esperanto, Stockholm, Svedujo. Formato: 14,5x21,5 88 pĝ. — Broŝurita. — Prezo: 1,50 sv. kr.*

La partoprenintoj de la 26a Universala Kongreso en Stockholmo certe rememoros la reprezentadon de « Ludi per Fajro » de August Strindberg. Tiuj kiuj posedas la Svedan Antologion jam pli bone povis taksi la valoron de tiu verkisto, la plej granda en Svedujo. Nun la traduko de unu el liaj ĉefaj dramoj, « Pasko », certe estos ankoraŭ revelacio por multaj aliaj.

La dramo estis ludata en diversaj urboj de la baltikaj ŝtatoj kaj akiris grandan sukceson. Sendube grandan parton de tiu sukceso oni ŝuldas al la konata verkisto Stellan Engholm kiu donis perfektan tradukon, laŭ bona, flua, eleganta stilo.

Kiel ĉiam la Eld. Soc. Esp-o zorgis pri bele prezentita verko kun alloga eksteraĵo kaj klara preso.

*NOVA VORTARO JAPANA-ESPERANTA. — Kompilis J OKAMOTO, eldonis: Japana Esperanto-Instituto, Hongoo, Tokio, Japanujo. Bele bindita, luksa kovrilo: 7,5x15 cm., 810 pĝ. — Prezo: nemontrita.*

**ATENTU!** **Ĉiuj ĉi-supre recenzitaj aŭ menciitaj libroj estas aĉeteblaj ĉe Belga Esper.-Instituto, Willemsstr., 21 Antverpeno.**



Preseio de BELGA ESPERANTO-INSTITUTO, Koopera Soc., Willemsstrato, 21, ANTVERPENO.